„Mutig vorwärts!“ „Kuraĝe antaŭen!“

# Aŭstria Esperantisto

## (Österreichischer Esperantist)

**Oficiala organo de Aŭstria Esperanto-Delegitaro kaj Esperanto-Delegitaro de Wien.**

**5a jaro. No. 3 Monata Marto 1928**

Redaktejo kaj administrejo: Korneuburg ĉe Wien, Postfach.

Konto bei der Postsparkasse D-123.826 u. 36.783 (Sparkasse Korneuburg).

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ. S 4.80, germanlandanoj RM 3.25, alilandanoj sv. fr. 4.25; ponumere: por enlandanoj 45 aŭ. g., eksterl. 55 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

**Montag, den 19. März um 19 Uhr** spricht durch Radio-Wien, Welle 517, Oberinspektor Steiner über **„Gründung des Internationalen Esperanto-Museums in Wien“** in Esperanto mit Einleitung in deutscher Sprache.

## Aus aller Welt.

Henri Barbusse, Frankreich: „Internationalisten, seid logisch bis zum Ende, nicht nur in Euren Gedanken, sondern auch in der Tat — erlernt Esperanto. Noch mehr, organisiert Gruppen und Kurse, um Esperanto anderen zu lehren; schließt enger die Reihen, die für die Lösung dieses Menschheitsproblems arbeiten. Seid Schüler und dann Lehrer des ABC der Internationale.“

(Der Arbeiter-Esperantist.)

Prof. Dr. Ogata an der Kaiserl. Universität in Tokio verfaßte ein großes Werk über Pathologie mit einer Liste von Fachausdrücken in vielen Sprachen, an erster Stelle in Esperanto. Alle Studenten, die Pathologie studieren, müssen sich in erster Linie die Fachausdrücke in Esperanto merken. (Heroldo de Esperanto.)

Die Radio-Zeitschrift K. T. C.-Brüssel bringt in jeder Nummer eine Zusammenfassung des Inhaltes des vorhergehenden Monatsheftes in der Verkehrshilfssprache Esperanto.

**Der Kaufmann und Esperanto.**

Wie urteilen Kaufleute auf Grund praktischer Erfahrungen über die Welthilfssprache Esperanto?

Dies der Titel einer Schrift, die die Antworten enthält auf eine Anfrage, die behufs Vorlage an die bayerische Regierung an Weltmessen und einige Großkaufleute gerichtet wurde über die „praktischen Erfahrungen, die sie mit Esperanto gemacht haben.“ Beziehbar durch Esperanto-Verband München, Lindwurmstr. 145/I.

**Die Elternvereinigung** am Bundesrealgymnasium Wien II. hatte als 1. Punkt der Tagesordnung ihrer Vollversammlung am 27. Februar einen Vortrag des Oberinspektors Hugo Steiner „Das Esperanto“ angesetzt. Der Erfolg des Vortrages, der vor vollem Saale stattfand, ist, daß die Eltern einen Esperantokurs für ihre Söhne einrichten wollen.

**„Linzer Volksblatt“** bringt schon durch längere Zeit gute Artikel über Esperanto aus der Feder des Fachlehrers Jungschaffer in Ried, der nun seit 9. Februar eine eigene Esperanto-Ecke in dieser sehr verbreiteten Zeitung redigiert unter steter Bezugnahme auf unser Blatt.

**„Die Exekutive“**, offiz. Organ der im Verbande der Bundes-Sicherheits-Exekutive Österreichs vereinigten Gendarmerie-, Komunalpolizei-, Kriminal-, Sicherheitswache-, Stadtschutzwache-, Steueraufsichts- und Zollwachebeamten, brachte in ihrer Nummer 5 vom 1. März einen Artikel über Esperanto unter Bezugnahme auf unser Blatt. Eine ständige Esp.-Rubrik soll nun eingerichtet werden, die Gend.-Beamter Hermann führen wird.

**„Zahntechnische Zeitung, Wien“** brachte neuerdings einen sehr schönen Artikel „40 Jahre Esperanto“.

**„Das Kleinauto“** veröffentlichte in der Jännernummer einen Aufsatz „Esperanto und Automobil“.

**Esp.-Gottesdienst in Wien:**

18. März. 10 Uhr, I. Minoritenkirche.
25. März. 10 Uhr, Kalasantiner, XV. Idagasse.

# Internacia Esperanto-Muzeo en Wien.

La favoro de la Aŭstria registaro por Esperanto pliiĝis en la lasta tempo. Estis fondita ŝtata ekzamenkomisiono por Esp.; permeso estas donita al la fervojoficistoj, portadi kiel solan neofican insignon dum deĵoro la stelon; en Wien kaj aliaj grandaj urboj policistoj estas signitaj per E.-ŝildetoj k. a.

Ankaŭ ĉe eminentuloj en la sferoj scienca, industria, politika kaj komerca Esperanto trovis aprobon kaj simpation.

Tiun bazon de ĝenerala favoro s-ro ĉefinspektoro Hugo Steiner, krome ankaŭ prezidanto de Aŭstria Esperanto-Delegitaro, sukcesis uzi por grava antaŭenpaŝo sub oficiala protekto.

Fondiĝis ĉirkaŭ li komitato por kreo de

## Internacia Esperanto-Muzeo en Wien

sub ŝtata protekto!

La muzeo havas la celon, kolekti kaj konservi la tutan materialon ligitan kun la historia movado de Esp. kaj de la lingvaj sistemoj kaj dokumente pruvi la disvastiĝon de nia lingvo en la diversaj landoj!

La evoluo de Esp. en la lasta tempo tiom rapidiĝis, ke urĝas jam kolekti en unu centra ejo, alirebla kaj disponebla por la tuta mondo, la maloftiĝantan kaj perdiĝantan materialon de la unuaj fazoj.

Neniu alia urbo estas tiel destinita por tia tasko kiel Wien; ne nur geografie pro sia situo en la mezo de Eŭropo, sed ĉefe kaj antaŭ ĉio pro la favoro de la registaro por nia afero. Jam ĝi disponigis al ni por ĉi tiu celo dignajn representajn ejojn en la centro de l' urbo Wien (Aktnumero 70873-T Ministerio por Komerco).

La internacie konata kanceliero de Aŭstrio, d-ro Ignaz Seipel, eniris en „Internacian Honoran Komitaton“ (H. K.), al kiu apartenas krome el Aŭstrio:

Ministro por instruaferoj Richard Schmitz

Ministro por Komerco kaj Trafiko d-ro Hans Schürff

Landestro d-ro Karl Buresch

Vicurbestro de Wien Franz Hoß

Kardinala moŝto d-ro Friedrich Gustav Piffl, ĉefepiskopo en Wien

Ekskanceliero, policprezidanto Johann Schober

Membro de Akademio por Sciencoj-Wien, kortega kons. d-ro Hans Molisch, prorektoro, prof. de Universitato Wien

Kortega kons. d-ro fil. kaj inĝ. Richard Schumann, prorektoro, prof. en Teknika Altlernejo Wien

D-ro Josef Maschat, ĝenerala direktoro de Aŭstriaj ŝtataj fervojoj.

La organiza bazo estas leĝe jam registrita societo „Internacia Esperanto-Muzeo, Wien“. Laŭ la statuto ĝi konsistas el:

a) Loka Kuratora Komitato (L. K. K.), al kiu apartenas:

Prezidanto - ĉefinspektoro Steiner, prez. de AED.

Vicprezidanto - ministra konsil. Viktor Hawlik el Ministerio por Komerco.

1. sekretario - Walter Smital (Radio-Wien).
2. sekretario - instruisto G. Weber.
3. sekretario - oficisto F. Vasta.

Kasisto - Priora moŝto en Schotten-abatejo P. Wolfgang Nedwid.

Referanto p. la gazetaro - d-ro E. Pfeffer.

Konsilantoj-polickonsilisto L. Buchsbaum, prof. d-ro H. Jokl, prof. d-ro J. Longo kaj konsistoria kons. P. F. Mestan.

b) Internacia Kuratora Komitato (IKK.), en kiu sidas eminentaj esperantistoj, nomotaj de la Esp.-naciaj societoj tutmondaj.

c) Internacia Honora Komitato (H. K.), al kiu apartenas krom la supre nomitaj aŭstriaj oficialuloj ankaŭ niaj **d-ro Leono Zamenhof** por familio Zamenhof, **prof. Th. Cart,** prez. de Lingva Akademio, kaj **generalo Sebert,** la nestoro de nia movado.

Ili kun granda ĝojo tuj akceptis la H. K.-anecon esprimante samtempe sian ĝojon, ke **fine ilia ideo pri kreo de Intern. Esperanto-Muzeo efektiviĝos nun en Wien.** La prezidanto de ICK., ankaŭ invitita, skribigis, ke li ne povas memstare agi en la nomo de la tutmonda esperantistaro kaj pro tio devas prokrasti sian oficialan sintenon ĝis la ĝenerala aprobo dum la XXa en Antwerpen.

Konvinkite, ke por la efektivigo de tiu granda verko ni sendube havos la apogon de l' tutmonda samideanaro. ni sciigas, ke la preparaj laboroj jam komenciĝis. Detaloj pri la organizo estos prezentataj al nia XXa, kie pri la fondo kaj la jam farita laboro de I. E. M. W. estos farataj kelkaj precizaj raportoj.

Krome la naciaj societoj estas petataj, proponi gravajn personojn el sia lando (neesperant.) por „H. K.“ kaj eminentajn esperantistojn por „I. K. K.“ El Aŭstrio estis elektataj en I. K. K. niaj eminentaj, meritplenaj **direktoro Josef Schamanek** kaj **kolonelo Franz Zwach.**

d) Por konstanta kaskontrolo zorgos s-roj Čech kaj direkt. de komerca lernejo Stengel en Wien.

Koncerne Wien kiel sidejon ni citu la vortojn de ICK.-prez. Privat, diritaj en la festparolado de nia XVIa: „ . . . Malfermiĝas por Wien vasta kampo en la internacia vivo . . . je ĉiu paŝo staras imponaj palacoj en tiel granda nombro, ke la ideo venas, kial kelkaj el ili ne utilus jam kiel sidejoj de novaj tutmondaj institucioj!“ (Paĝo 19, E.-Dokumentaro pri XVI.)

Jam en Aŭstrio troviĝas riĉa kaj valora materialo por la muzeo; por ke ĝi estu internacie kompletigata, ni turnas nin al la tutmonda esperantistaro kun la afabla peto pri morala kaj materia apogo. La intereso de ĉiu unuopa lando estas despli evidenta, ĉar la ekspozicio de ricevita materialo estos aranĝata memkompreneble laŭ landoj. Do ĉiu societo kaj izolulo bonvole sendu tuj kaj laŭeble multan materialon. **Ĉio havas valoron por la muzeo,** ĉu libroj, prospektoj, malnovaj gazetoj, flugfolioj, fotografaĵoj, afiŝoj ktp. Vi povas donaci ilin al Muzeo aŭ pruntedoni. Ni notos sur ĉiu donaco la nomon de l' donacinto kaj sur objektoj pruntedonitaj „Propraĵo de . . .“. Liston de la donacintoj ni publikigos.

Ĉiujn sendaĵojn bonvolu direkti al „Int. Esperanto-Muzeo“ Wien, I., Liebiggasse 5 kun duobla listo. Ni kvitancos la akcepton.

Aliĝu kiel membro kun jarkotizo de almenaŭ 1 Ŝ. Vi ricevos membrokarton kaj ĝuos diversajn avantaĝojn. Ni faros je jarfino membroliston, kiun ĉiu ricevos, aldoninta 20 gr. La monon sendu per respondkuponoj internaciaj aŭ de UEA., Aŭstrianoj en poŝtmarkoj.

La sistemigaj kaj klasifikaj laboroj jam komenciĝis.

IEMW. sisteme kaj regule raportados pri siaj laboroj!

La oficiala malfermo okazos dum Wien-a Antaŭkongreso de XXI-a fine de julio 1929.

Komence de aprilo ni malfermos nian ejon kaj oficos tie ĉiun lundon (14—17 h), merkredon (9—12 h), vendredon (14—17 h).

Venu mem kaj alportu multan materialon.

Travojaĝantoj vizitu nin!

---

Lundon, la 19. de marto je la 19. horo nia prezidanto parolos per Radio-Wien pri fondo de la muzeo.

---

La unua hirundo jam alflugis: Komerca kons. Falnbigl, ĉefo de la fame konata grandmagazeno A. Herzmansky, Wien, VII., Mariahilferstr. 26, donacis la **unua** kiel „fondinto" **500 Ŝ** en la nomo de sia firmo.

Publike li estu dankata! Multaj sekvu tiun modelan ekzemplon!

Por la Loka Kuratora Komitato:

Steiner, Hawlik, Smital, Nedwid, Pfeffer, Weber, Vasta, Buchsbaum, Jokl, Longo, Mestan.

---

## Nia VIII a.

Protektantoj:

Landestro d-ro Karl Buresch; eksministro, urbestro Josef Kollmann; vicurbestro Alois Brusatti.

Baden, kie ni dimanĉon dum Pentekosto kongresos, bone konata al la Wien-anoj, estas fama kuracloko, kiun frekventas ĉiujare pli ol 50.000 fremduloj.

Por ili estas multaj allogiloj en Baden: La kuracigaj varmfontoj, belegaj parko kaj ĝardenoj, ĉarma ĉirkaŭaĵo, bonaj hoteloj kaj restoracioj kaj la — — — bordbanejo kun ĉiu komforto.

Kiu ne ankoraŭ konas Baden, estos kontenta pri la elekto de Baden kiel kongresurbon kaj, kiu ĝin konas, volonte ĉiam denove venas tien.

Do venu multnombre, LKK. klopodas agrabligi al vi laŭpove vian restadon.

Kotizo Ŝ. 2.—, por senlaboruloj kaj studentoj po Ŝ. 1.—.

En LKK. eniris krome ĝend. ofic. Hermann-Atzgersdorf, d-ro F. Scholz-Liesing, ĝend. ofic. F. Rasch-Purkersdorf kaj f-ino P. Pirchan-Waidhofen a./Th.

Programo:

27. majo: 7·30 komuna veturado de Wien al Baden; 8·30 E.-diservo en Hofkirche, aranĝota de A. K. L. E.; 9·30 malfermo de la kongreso en Kursalon; 11 Uhr promenadkoncerto en Kurpark; 12·30 komuna tagmanĝo (prksm. S. 2.—); 15 Uhr vizito de bordbanejo kaj ekskurso al kafejo Legenstein en Helenental (15 min.), kie okazos la unua laborkunsido; komuna reveturo al Wien.

28. majo: Ekskurso al Korneuburg, tie antaŭtagmeze dua laborkunsido; komuna tagmanĝo; komuna veturado per pramego trans Danubo al Klosterneuburg; vizito de l'abatejo, vinkelo, bordbanejo.

Adreso de LKK.: S-ro N. Pronay, Baden, Bahngasse 2.

**VII. Jarkongreso de A. L. L. E.** okazos dimanĉe, la 8-an de aprilo 1928 en Wiener Neustadt. Adreso por aliĝoj kaj salutleteroj: Gustav Schmid, Wr. Neustadt, Wöllersdorferstr. 45, II, 8.

### XIIIa Kongreso de Int. Katolika Unuiĝo E.-ista.

Kongresloko estos Tilburg en Nederlando. Ĉar la kongreso okazos de 12.—15. aŭgusto, ĉiu vizitinto de la XXa Int. Kong. de E. havos bonan okazon ankaŭ partopreni la XIIIan Int. Katolikan. La kotizon de 5 sv. Fr. vi sendu al s-ro P. Verspeek, sekr. de I. O. K., Broekhovensche Weg 100, Tilburg. Ĉiu aliĝinto ricevos krome gvidlibron tra la kongresurbo.




Adreso: Kleine Hondstr. 11.

En la venonta numero ni informos vin pli detale pri la kongresurbo mem kun bildoj.

Hodiaŭ ni nur intencas vin instigi al tuja aliĝo.

Nia karavano forveturos de Wien la 31. VII. La veturado malpli rabato, se 20 personoj partoprenos, estas ĝis Köln pksm. Ŝ 73.— kaj de Köln ĝis Antverpeno pksm. Ŝ 12.—. Malmultekostajn noktigejojn en Nürnberg prizorgos tieaj samideanoj.

De Köln ni intencas kune veturi kun la karavano Mosse. La lasta kalkulos vian veturadon de Köln ĝis Antverpeno, kompleta pensiono (loĝejo kaj po tri manĝoj por 8 tagoj), en duaranga, tamen sufiĉe bona hotelo, kongresa kotizo, tuttaga ekskurso al Bruxelles (kun tagmanĝo) kaj Mechelen, festeno dum la kongreso, la laŭleĝan takson de 10%, veturo en tria klaso je Rm. 145.—, kaj, se vi nur volas havi loĝejon nur kun matenmanĝo je Rm. 115.—.

La prezoj estas proksimumaj kaj ŝajne ne altaj. La precizajn ni publikigos en aprilo; ili estos verŝajne pli malaltaj.

Kiuj veturos kun Mosse kaj jam pagis la kongreskotizon, rajtas dekalkuli ĝin.

Krome ĉiu partoprenonto ricevos senpage kompletan kolekton de 30 ilustritaj poŝtkartoj pri Antverpeno. Skribu al ni, ni intertraktos kun Mosse.

### XVII. Germana E.-Kongreso.

Ĝi okazos en Potsdam je Pentekosto. Kotizon po Rm. 6.— oni sendu al s-ro P. H. Hermann, Potsdam, Margaretenstr. 23.

Ĉiujn informojn vi ricevos de la sekretariino Hildegard Nickel, Potsdam, Blücherplatz 2.

### IVa Ĉeĥoslovaka Esperanto-kongreso.

La nunjara ĉeĥoslovaka Esperanto-kongreso okazos pentekoste en la belega banurbo Teplitz-Schönau — Teplice-Ŝanov en norda Bohemujo. La programo de la kongreso enhavas la kutimajn kunsidojn kaj amikajn kunvenojn, sed la ĉarma urbo kun ĝia pulsa vivo kaj brila natura pompo, kiel ankaŭ la grandiozaj preparoj certe efikos, ke la vizitantoj travivos nekutime belajn, gajajn tagojn dum la kongreso. Germana Esp. Ligo en Ĉeĥoslovakio aranĝas nunjare la kongreson kaj kore invitas vin. Anoncu vin al Loka Grupo en Teplitz-Schönau.

---

## Instruista E.-movado.

(Perspektivoj!)

La problemo de mondhelplingvo por la naciaj kaj internaciaj instruistaj asocioj pli kaj pli estiĝas aktualaĵo; ĉar la internaciaj interrilatoj tiom densiĝas, ke ili forte sentas la lingvan diversecon.

La Internacio de Instrulaboristoj eldonis broŝuron „La ekonomia kaj morala situacio de la instruisto en tutmondo“ (franclingve) verkitan de M. Boubou-Orléans laŭ lia E.-korespondado. La Internacio ankaŭ nun multe uzas la E.-laboron de Boubou. Paske 1928 ĝi okazigos en Leipzig pedagogian kunvenon proks. 3-tagan (Temo „La proletaria infano“). Sed la diverslingvaj paroladoj estos tradukataj nur germanlingven. Ni montru en la kunveno la neceson kaj la avantaĝojn de mondhelplingvo. Same dum la 5-a kongreso de tiu Internatio ankaŭ en 1928. La mondhelplingvo estas ja ABC de la Internacio. (Henry Barbusse.)

Alia Internacio, Mondfederacio de edukasocioj, fond. en San Francisko, havis 1927 la 2-an kongreson en Toronto-Kanada. Oni akceptis la proponon de la 5-a Komitato, tuj esplori, ĉu internacia helplingvo povas akceli la laborojn kaj la celon de la Fede-

racio. (Raporto en n-o 11-12, 1927 de IPR.) Dum la 3-a kongreso, verŝajne en Ĝenevo 1929, oni decidos pri la rezulto de la esploroj. La E.-Instruistaro ĝis tiam montru per sia organizacio, ke E. vivas en la instruistaro. Kaj ĉiu E.-instruisto fortigu TAGE (Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esp.-istaj) aliĝante.

Tria Internacio estis fondata paskon 1927 en London: Internacia Federacio de Instruistaj Asocioj. (Raporto en IPR, 7-8, 1927!) TAGE al ĝi sendis la proponon, permesi por referatoj kaj diskutoj dum la kongresoj kaj por la korespondado E.-on, interrilati kun IPR kaj kun reprenzentanto de TAGE. La 2-a kongreso okazos paskon 1928 en Berlin kaj diskutos pri nia propono.

Internacia Laborrondo por Renovigo de l' Edukado aranĝis 1927 la 4-an pedagogian kunvenon en Locarno pri „La senco de la libereco en la edukado“. Prezidis prof. P. Bovet, direktoro de Internacia Eduka Oficejo-Ĝenevo. Ĉar preskaŭ 1200 personoj el 42 landoj partoprenis, kiuj ne komprenis unu la alian, oni decidis, dum la venonta kongreso 1929 en Kopenhago-Danujo apliki E.-on! TAGE zorge atentos kaj eble subtenos tiun konferencon per samtempa okazigo de TAGE-ĉefkunveno.

Centro de la tutmonda eduka vivo estas Internacia Eduka Oficejo (IEO) en Ĝenevo, gvid. de prof. P. Bovet. En Praha ĝi aranĝis la Packonferencon „Paco per lernejo“. Tre grava por nia propagando inter la geinstruistaro estas jena juĝo (pri tiu konferenco) de ne-esp.-ista oficiala raportanto prof. D-ro Flusser (en n-o 9 de la kaj. de Germ. Soc. por Morala Edukado en Praha, pĝ. 21): „Unu el la plej impresaj instruoj, kiujn donis la konferenco, estis la uzado de E. kiel kongreslingvo. Estis surprize, en kiu facileco okazis la interrilato inter la konferencanoj apartenantaj al 16 diversaj nacioj“. (Raporto en IPR, n-o 7-8, 1927.)

IEO aranĝis la kunvenon en Locarno kaj sukcesis, ke estis farata la supre menciita decido, apliki E.-on dum la venonta kongreso en Kopenhago; invitis Mondfederacion de Eduk-asocioj, okazigi ĝian 3-an kongreson en Ĝenevo 1929.

La unua ĝeneralkunveno de IEO rekomendis aranĝi internaciajn pedagogiajn kursojn kaj kunvenojn, kaj kunvoki 1930 kongreson pri Morala Edukado.

Do en tiuj kunvenoj ni denove havos okazon, diskuti nian E.-ideon antaŭ internacia, ne-esperantista forumo, ne nur la teknikan valoron de helplingvo, sed ankaŭ ĝian moralan, edukan.

E.-instruistoj! Aliĝu al TAGE!

Por ke nia asocio povu plenumi la grandajn taskojn kaj influi la aranĝojn de IEO kaj de la aliaj internaciaj asocioj en nia senco. Se ni sukcesos en unu el ili, la aliaj tuj sekvos, kaj la venko de E. estos atingita.

Ekkonu la situacion!

Ekkonu en TAGE unu el la plej gravaj propagando-asocioj por E.

La jarkotizo de 3 germ. markoj estas eksterordinare malalta. Por ĝi vi ankaŭ ricevas la gazeton Internacia Pedagogia Revuo (8 n-ojn jare).

Admin.: Leipzig-S. 3, Frohburgerstr. 68 p.

M. Goldberg.

## Dürer-jaro Nürnberg 1928.

La 6-an de aprilo 1928 estos la 400-jara datreveno de l' morto de unu el la plej grandaj artistoj de ĉiuj tempoj, de Albrecht Dürer. La urbo Nürnberg festas la memoron al unu el siaj plej famaj filoj per serio da imponaj aranĝoj. Ĝi realigos de aprilo ĝis septembro la „Dürer-jaron Nürnberg 1928“.

La ĉefpunkto de la aranĝoj estos unika, ankoraŭ neniam prezentita ekspozicio de originalverkoj de Dürer. La kolektado de desegnoj, bildoj, gravuraĵoj ktp. el ĉiuj kulturlandoj de la mondo bonege sukcesis. La klopodoj de la urbestraro renkontas ĉie aprobon, tiel, ke la ekspozicio de la originalaj verkoj de Dürer en la

festĉambregoj de la Germana Nacia Muzeo en Nürnberg unuiĝos kredeble mil kreaĵojn de la artisto kaj speciale liajn plej gravajn verkojn.

La esenca punkto de la prezentaĵoj estas kadrumita de granda ekspozicio de germana arto, plue de kolekto da elektitaj trezoroj el la riĉa kulturposedaĵo de la Nürnberga urb-arkivo kaj de la Nürnberga urba biblioteko. Krome estas intencataj serioj de paroladoj, festprezentadoj en la urba teatro, Hans-Sachs-teatraĵoj, popularaj prezentadoj sur publikaj placoj (dancoj de la gildoj kaj de submajstroj ktp.), fine specialaj prezentadoj pri la popolvivo kaj la kulturposedaĵoj de diversaj germanaj triboj kaj regionoj.

La urba trafikoficejo Nürnberg kore en E. invitas, viziti ĉi tiun urbon, riĉa je mondfamaj arkitekturaĵoj, unikaj arttrezoroj kaj intimaj artistaj valoraĵoj.

La partoprenontoj de nia XX. havos okazon, resti kun la karavano tutan tagon en ĉi tiu belega kaj nepre vizitinda urbo.

## La popolo de Esperantujo.

Ne ĉio, kio dividas — detruas aŭ malorganizas. Sur la divido kaj elekto sin bazas la progreso en la naturo kaj en la homaro.

Ke Esperanto estas lingvo vivanta, jam dubas nenio. Sed ke ĝi estas lingvo suverena, povanta vivi per siaj propraj fortoj — multaj samideanoj ankoraŭ dubas, aŭ ne permesas al si kredi. Por ili Esperanto ĉiam restas speco de iu helpa lingvo, kvazaŭ iu vivanta kodo, kiu povas vivi nur, kiel vivas hedero, ĉirkaŭvolvante sin al arbaj trunkoj. Tiel Esperanto, laŭ ilia opinio, same povas vivi, ĉerpante siajn forton kaj modelojn en lingvoj naciaj. Tio estas vera, sed ĝis certa grado. Esperanto iam bezonis subtenan stangeton kiel juna arbo. Kaj tiun stangeton pruntis al ĝi lingvoj naciaj. Nun ĝi povas jam kreski sen tiu pruntita helpo.

La diverseco de opinioj en la menciita afero povas esti klarigata per diverseco de la bona posedo de nia lingvo.

Ekzistas nome unu speco de samideanoj, kies scio de nia lingvo estas nur bona teoria scio, ĉerpita el la libroj kaj kabineta studado. Tiuj samideanoj eĉ scias pensi en Esperanto, sed ilia pensmaniero estas respeguligo de la pensado en ilia gepatra lingvo. Tial ĉiuj karakteraj naciaĵoj de tiu lasta ankaŭ renaskiĝas en ilia Esperanto, en pli aŭ malpli bona traduko. Tiuj samideanoj, verkante ion, skribas Esperanton gramatike bone, sed ilia stilo kaj pezeco, nenatureco de iliaj frazoj tuj montras, ke ilia Esperanto vere estas nur helpa lingvo, helpa kodo. Ili atingas maksimumon de utilo, se la alilingvanoj komprenis tion, kion ili volis komprenigi. Sed tio ja ne estas lingvo. Tio estas tiu angla lingvo, kiun la britoj nomas „fremdlanda angla lingvo“.

Ekzistas ankaŭ alia speco de samideanoj, nombre multe pli malgranda ol la unua. Tio estas samideanoj, kiuj, aŭ pro sia lingva kapableco, aŭ pro tio, ke ili longe vivis en alilando kaj uzis tie Esperanton, aŭ multe vojaĝis, do el diversaj fontoj, sciis ĉerpi tiun vere internacian spiriton de nia lingvo, kiu estas nek slava, nek latinida, nek germanida spirito. Ĝian esencon faras gramatike kaj stile logika frazo, konstruita laŭ la principoj de eŭfonio kaj agrabla komprenebleco, aŭ pli science dirite: konstruita laŭ la principoj de la estetiko. Se ni dezirus, ni povus per indiko de la nomoj montri, ke tiuj samideanoj loĝas ne nur en la limoj de iu aparta gento aŭ lando, sed ke ili estas troveblaj en ĉiuj partoj de la mondo kaj eĉ inter la adeptoj de la plej ekzotikaj lingvoj.

Por ili Esperanto estas lingvo suverena, kaj helpa nur en la senco de ĝenerala helpilo por alproksimigi la popolojn.

Ni nur devas ĝoji, ke aperis tiu nobliga dividiĝo meze de la popolo de Esperantujo. Ĝi ja estas nek klasa,

nek genta, nek religia, ĝi estas kvazaŭ embrio, prototipo por la divido kaj elekto de la individuoj en la estonta tutplaneda homa ŝtato.

Se ni volas venki, ni ne devas ignori ankaŭ pri la divido de la roloj kaj devoj interne de nia movado. Ĉie, kie la utilo de Esperanto postulas modelon, ekzemplan uzon aŭ aplikon de la lingvo — ĉie ni, laŭ ebleco, starigu tiujn samideanojn el la dua speco. Konata afero estas, ke tre multaj esperantistoj estas iom vantemaj kaj ne volonte cedas sian lokon, eĉ se ili vidas, ke la alia pli taŭgas por ĝi. Ni esperu tamen, ke ankaŭ en tiu rilato la natura nobliga progreso eniros en niajn vicojn kaj ĝustatempe cedi — fariĝos unu el la plej bezonaj niaj principoj. D-ro Zamenhof mem estis homo liberema kaj li ĉiam sciis cedi al aliaj, kiam estis bezone. Li ne timis nomi siajn erarojn per ilia propra nomo. Kaj, se li vidis, ke iu homo estas kapabla kaj inda ion fari — li superŝutis tiun homon per sia favoro. Esperanto ne ekzistus eĉ unu jaron, se Zamenhof ne scius cedi kaj elekti siajn helpantojn.

Cetere la moderna historio montras, ke eĉ multaj apartaj nacioj rekonstruas sin por la estonto laŭ la principo: „Al la junaj, fortaj kaj kapablaj la unuan lokon."

Ankaŭ la juna generacio de la veraj esperantujanoj ne estu tro molkarna, malgraŭ siaj aliaj kapabloj, kaj kun rajto okupu sian lokon. Sen arogo, sed kun firma aserto, sen atakoj, sed kavalirece prenu tiu ĉi generacio de plenfortuloj la gvidilojn en siajn manojn.

Al la malnovaj pioniroj oni pagu per gloro kaj honoro, sed la gvidadon kaj influon konservu nur tiuj el ili, kiuj sciis resti junaj kaj nuntempaj en sia lingva spirito kaj aspiroj.

Esperantujo estas fakto, estas konkretaĵo, estas internacia popolo. Ĝin povus detrui nek stultaj atakoj de dekstre, nek demagogiaj postuloj de maldekstre.

Ĝi vivas per Esperanto en la koroj de la multaj miloj, kiuj scias resti, malgraŭ sia modesteco, fidelaj kaj rezistaj. Sed ĝi dume restas, en sia senforma neorganiziteco, tiu fabela, dormanta princino, kiun vekos nek postuloj, nek alvokoj, sed sole agoj kaj ekzemploj. Ĉiu, kiu agas kun noblaj aspiroj en la movado Esperanta, estas tiu fabelo princo, kiu helpas veki la belan princinon.

Esperantujo, laŭ sia esenco, estas la plej vasta kaj la plej libera ŝtato de la mondo. Hodiaŭ ĝi estas nur en la revoj, en embrio, sed iam ĝi fariĝos tiu reala ujo, en kiun kolektiĝos la popoloj, jam ne plu dividitaj. Valoras do esti esperantisto kaj Esperantujano. Valoras do ankaŭ pagi la solan imposton de tiu lando — la fundan posedon de Esperanto kaj de ĝia modela stilo.

N. Hohlov-Moskva.

## Sableroj

de Al Vlahuta.

La semanto estas momento.

Se vi havas malbonan sciigon portotan: iru piede!

La pensoj estas burĝonoj de la agoj.

La popolaj kantoj: mistera blovo de supera vivo, kiel vento de malproksime venanta kaj alportanta aromojn el aliaj landoj.

(El la rumana lingvo.)

**E.-disaŭdigoj.**

**Wien:** La 19. 3. je 19 h s-ro Steiner pri „Fondo de Int. E.-Muzeo en Wien".

**Berlin** (ondo 484) kaj **Stettin** (236): dir. J. Glück 15. 3. kaj 18. 3. pri „Enciklopedia Vortaro de Wüster".

**Königsberg:** La sabatan programm-priparoladon faras f-ino Wermke; la dimanĉan kurson nun gvidas s-ro Smollenski.

**Praha** (347·9): 26. 3. instr. Hajek el Altrohlan ĉe Karlsbad parolos je 17·30 germane pri „Kvardek jarojn Esperanto".

**Novaj gazetoj.**

**„Le Sténographe Esperantiste"**, dir. Jean kaj René Liech, 40, rue Edouard-Vaillant, Puteaux, Francujo.

**„Bulteno de Preso"**. ĉeĥoslovaka-Esperanta, red. Aug. Pitlik, L. K., dir. de E.-instituto, Práha II., Křemencová 17, jarabono 15 Kč.

## 65 jara jubileo.

La fame konata firmo A. Herzmansky, Wien, VII., Mariahilferstrato, festis la 3. de marto sian 65 jaran ekzistjubileon.

La ĉefo de ĉi tiu grandmagazeno, komerc-kons. Falnbigl donacis je ĉi tiu okazo al 7 pli ol 40 jarojn en la firmo kunlaborantoj, nome prok. Spitzauer (46 j. deĵoranta), fakestroj Weber (45 j.), Jakel (43), Schallat (43), reprez. Hämmerle (42), kas. Veit (41) kaj vojaĝofic. Fuchs (40) orajn memorringojn kun la komencaj literoj de la firmo kaj al 23 salajruloj kaj 1 laboristo, kiuj laboras jam pli ol 25 jaroj ĉe la firmo, tiajn el arĝento.

La kunesto de tiom da multjaraj kunlaborantoj ĉe la firmo, montras la bonegan harmonion, kiu regas inter la ĉefo kaj liaj salajruloj. Tio certe ankaŭ multe helpis akiri al la firmo la grandan pliŝaton de vastaj rondoj en la publiko.

Ni esperantistoj en Aŭstrio, al kiuj kom. kons. Falnbigl tiel grandanime kaj senegoisme lastjare faris kvarsemajnan, grandstilan ekspozicion en siaj ejoj, kore gratulas al li kaj al la jubilintoj. St.

**Kongresprogramaro.**

Firmo „Terramare Office“ Berlin W 10, Margaretenstr. 13 publikigos en angla lingvo ampleksan senpagan programon por ĉiuj kongresoj en Eŭropo.

Ni anoncis nian 8. Aŭstrian kongreson al ĝi.

**Fremdulafera Komisiono Studenta,** Budapest IV. Calvin-tér 2-1, elektis apartan E.-referanton. Ili celas rektan korespondadon kun alilandaj student-organizoj per E. kaj interŝanĝi studentojn dum la ferioj per reciproka gastigado.

**Centra Esperanto Librejo.**

En la jara ĝenerala kunveno de akciuloj de la Anonima Societo „Centra Esperanto Librejo“ en Hago (Nederlando), la bilanco, perda- kaj gajnakonto estis aprobitaj kaj la dividendo fiksita je 6% (antaŭan jaron 5½%). Kiel komisaro estis reelektita S-ro J. Ravestein jr.

---

S-ro Hohlov-Moskvo dankas al familio Steiner, s-ro Ĉech (pro la bona akcepto en „Danubio“), s-ano Martin Klein, f-ino Müllner k. l. a. pro ilia helpemo kaj afableco dum sia restado en Wien.

---

**Es genügt nicht,** daß Sie „Aŭstria Esperantisto“ lesen. Sprechen Sie auch darüber und veranlassen Sie Ihre Freunde und Bekannten, denselben zu bestellen.

**Sie fördern dadurch unsere Bewegung in Österreich!**

---

Ni aldonas prospektojn de nia samideano Franz Hub en Gablonz a. N.

Atente tralegu kaj mendu!

## AŬSTRIA ESPERANTO-DELEGITARO

**Bisamberg bei Wien 248.**

**Lasta kunsido de AED-estraro okazis 25. 2.**

Oni priparolis la propagandmanieron por Aŭstrio pere de la ĵus eldonitaj gvidfolioj „Tra Aŭstrio“, sistemigon en la aranĝo de la aŭtunaj kursoj, la organizon de l' preparaj laboroj por Antaŭkongreso Wien 1929. Sekvis raporto de s-ro Steiner pri la stato de la afero pri „Int. E.-Muzeo“ en Wien.

Eksiĝoj. El la estraro de AED. eksiĝis propravole s-ano E. G. Bernfeld, ĉar lia propono „kunvoki ĉiujn respondeckonsciajn kaj gravajn personojn de nia landa movado al priparolado, por serĉi kaj trovi eliron el nia kriza stato“ estis malakceptita per kvin kontraŭ tri voĉoj. (Laŭ letero de l' 14. februaro.)

Plue eksiĝis s-ano R. M. Frey, sciigante per letero de 20. febr., ke „li tre bedaŭras pro gravaj kialoj esti devigita eksiĝi el la AED. estraro“.

Proponoj por la laborkunsidoj dum nia VIII. Ni sciigas ĉiujn grupojn, ke E.-societo por Stirio sub n-ro 66 antaŭmetis al AED. kaj al la Aŭstriaj E.-societoj ŝanĝproponon de la statutoj. Ĉe tiu okazo ni atentigas ĉiujn aliajn grupojn, ke ili sendu ĝis unu monato antaŭ la kongreso siajn proponojn al AED. kaj al la grupoj, por ke la esp.-istaro estu mature pripensinta la diskutotajn temojn.

Kurso por kursgvidantoj. AED. intencas aranĝi kurson por tiuj samideanoj ekster kaj en Wien, kiuj gvidos aŭ intencas gvidi kursojn en aŭtuno. La kurso daŭru unu semajnon kaj la prelegoj okazu dum 7—8 horoj potage. Ĝi estos senkosta. Sed AED. ankaŭ klopodos plejeble malmultekoste aŭ senpage loĝigi la samideanojn, kiuj intencas partopreni ekster Wien.

Por ke AED. povu aranĝi la aferon, interesuloj bonvolu sin anonci tuj ĉe AED., menciante ĉu ili volas partopreni kaj kiu tempo (ĉu antaŭ aŭ dum la ferioj) estas la plej konvena al ili. AED. ilin ĝustatempe informos pri la aranĝo. Samideanoj en Wien, tre ofte jam helpemaj al aliurbaj samideanoj, anoncu, ĉu kaj je kiuj kondiĉoj vi estas pretaj doni noktigejon dum unu semajno.

Por AED.: Steiner, Weber, d-ro Pfeffer.

**EDW.-kunsido,** la 3an marto, priparolis la entreprenotajn paŝojn por organizi sukcesplenajn kursojn en venonta aŭtuno. Oni decidis kunveni antaŭ la memortabulo ĉe **Hotel Hammerand,** VIII., Florianig., la 15. aprilo antaŭtagmeze. Detaloj en la venonta kunsido. Je la fino prez. Zimmermann rezignis pro multokupiteco en sia ofico. S-ro Ĉech esprimis en la nomo de la delegitoj sian bedaŭron, dankis kaj petis, ke s-ano Zimmermann ankaŭ venonttempe kunlaboru kaj helpu almenaŭ per sia granda sperteco (aplaŭdo!).

**Nova landestro** por Tirol estas nia fervora kaj tre agema s-ano dir. A. Mair, prez. de E.-klubo Innsbruck. Adreso: Grenzstr. 4.

**Bisamberg:** La kurso sub gvidado de lern.-kons. Peter bone progresas. Grupo fondota.

**Enns:** Kurso kaj vigla laboro de s-ano Joh. von Schmidt auf Altenstadt.

**Innsbruck:** En ĝen. kunveno de „E.-Klubo" la 8. febr. estas elektitaj: Prez.-dir. A. Mair; vicprez.-J. Welkoff; sekr.-R. Kühbacher, F. Stumpf; kas.-Lorenz, J. Bauer; bibl.-s-ino Bederlunger, f-ino Herian; kons.-prof. Egger, s-ro Bederlunger. Unuanime elektitaj novaj **honoraj** membroj: Prof. Egger kaj s-ro J. Bauer, longjaraj, meritplenaj kunlaborantoj. Prez. Mair varbas por A. E. D-ro Blaas transloĝiĝis al Berlin.

**Liesing:** Laŭ invito de s-ano d-ro Fr. Scholz, iama landa deputito, prez. Steiner faros germanan propagandparoladon en Liesing, restoracio de bierfarejo, la 22. de marto je ½8 h vespere.

**Linz:** Per aliĝo de novfondita grupo Steyr Supra-Aŭstria E.-Societo nun havas du grupojn. La grupoj kunlaboras por sukcesplena propagando. Necese estas, ke ĉiu izola esp.-isto en nia liglando aliĝu. Kurson en „Kaufmännischer Verein" ni dankas al la klopodoj de dir. Zelenka. Privata kurso ĉe fervojistoj de senlaca s-ano Meisleder. Novelektoj: Prez.-Jonkheer J. v. Schmidt auf Altenstadt; vicprez.-pol. insp. Meisleder; sekr.-R. Ulbrich, H. Bürger, fakinstr.-ino Cipera; kas.-s-ino Ella Eberhardt, J. Mraz; reviz.-Leitner, Krichbaumer; bibl.-f-ino Petran; gaz. servo-Ulbrich. La membraro pliiĝis je 50%.

**Ried:** Fakinstruisto Jungschaffer sukcesis atingi regulan E.-angulon en Linzer Volksblatt. Li ankaŭ aldonas ĉiam, ke A.E. donas informojn kontraŭ respondkarto kaj sendas senpage provnumeron. Aro da personoj per tio estas atentigataj per nia gazeto je nia movado. Imitinde por la aliaj!

**Salzburg:** Prof. d-ro Christanell fondis katolikan grupon „La Estonteco", kiu aliĝis al AKLE. Prez. d-ro Christanell, vicprez.-stud. teol. J. Berger, sekr.-Ruggenthaler, kas.-stud. teol. Wesenam, konsil.-P. J. Rieser kaj P. Bernh. Rodlberger. Adreso: Dreifaltigg. 14.

**Wien.** Soc. „**Danubio**": 5. III. Lumbildprelego de s-ro Vasta: „Kio estas elektro?" — 12. III. Vespero pri Svislando kun lumbildparolado de s-ro Nebenzahl kaj kantoj en svisa dialekto, prezentotaj de f-ino Kremann. — 19. III. Literatura vespero (pri Wilhelm Hauff). — 26. III. Amuza vespero. — 2. IV. Lumpildprelego (pri Albrecht Dürer). — 16. IV. Zamenhofa memor-vespero. — 23. IV. Lumbildparolado de s-ano Klein: Pentekoste sur la „Rax". — **E.-org. de oficha vantoj:** 10. marto okazis en festsalonego de magistrata domo IV. parolado de reallerneja dir. F. Bock pri „Elparolo de E. en komparo kun aliaj lingvoj". Sekvis lumbildoj. — **Komercista E. Junulara Unuiĝo** havis sian ĝen. kunvenon la 7. 3. Raporto ne ankoraŭ alvenis. — **Katolika E.-grupo XVI.** aranĝos paskolundon je la 15 h diservon en la preĝejo en Altottakring, Ottakringerstr. 215, poste 15 min. promenadon al gastejo Stehlik. Ĉe malbela vetero kunveno en gasteja salonego Kaspar, Ottakringerstr. 205.

**Novaj grupoj.**

**Braunau a. I.:** E. Klubo, Zeughauspl. 2. Prez. — Osw. J. Haselbauer.

**Steyr:** Nova grupo, prez. arĥitekto Wimmer, ejo Kaffee Landsiedl. Kurso funkcias.

**Wien:** Katolika grupo XVI., Ottakringerstr. 215. Prez. — Hans Schiebl.

---

**Margarethe Kucharz,** instruistino kaj membro de K.U.E., nevino de pastro Mestan, mortis la 11. febr. en sia 28a vivjaro. Ni kore kondolencas al la familioj Kucharz kaj Mestan.

## Rimarkindaj Presaĵoj.

**„Esperantista Voĉo", Jaslo (Pollando):**

Listo de libroj, inter ili maloftaĵoj, kun indiko de malaltaj prezoj.

**Kuzeto.** Scena bagatelaĵo en unu akto de M. Balucki. Prezo sv. fr. 0·25. Mallonga komedieto, kiun okaze de amuzaj aranĝoj sufiĉe bonefike povas prezentadi tri aktoroj aŭ amatoroj. La stilo estas tre bona.

D-ro Sós.

**Heroldo de Esperanto - Horrem:**

**Josef kaj la Edzino de Potifar,** aŭ Idoj de Merkuro kaj Eroso. Romano originala de H. J. Bulthuis, L. K. Broŝ. 5 Rm., bind. 6·50.

Bulthuis estas unu el la plej diligentaj E.-verkistoj, al kiu nia literaturo dankas sufiĉe grandan kaj ne malaltvaloran pliriĉigon. Ĉi tiun fojon li verkis originalan romanon, kiun certe la plejgranda parto de la abonantoj de „Heroldo" jam konas kaj de kiuj multaj siatempe kun malpacienco atendis ĉiun novan numeron. Ni sincere kaj malkaŝe konfesas, ke inter tiuj estis ankaŭ mi. Tial mi tre miris, leginte recenzon, kiu, kvankam tre ĝentile, tamen sufiĉe akre, kelkloke eĉ tro severe kritikas la verkon. Nu, ĉiu homa faritaĵo estas certagrade kritikinda, ankaŭ la kritiko mem. Ni do rigardu, kion oni riproĉas al la malfeliĉa aŭtoro, kaj ekzamenu objektive, ĉu ĉiu riproĉo estas ankaŭ ĝusta kaj justa. Al mi ŝajnas, ke la plimulto de la cititaj kvazaŭ eraroj estas nur presaj, pro kiuj respondas unuavice la kompostisto kaj korektisto, sed ne la aŭtoro. Bulthuis estas tro bona esperantisto, por ne scii la diferencon inter pasi kaj pasigi, aŭ inter da kaj de. Preskaŭ ĉiuj aliaj riproĉoj estas refuteblaj aŭ almenaŭ pridiskutindaj. Mi ekzemple ne komprenas, kial oni ne diru, transiris la koridoron, malsupreniris la ŝtuparon, enkuris la ĉambron ktp. Eĉ la apliko de akuzativo anstataŭ

dativo estas tute laŭregula, se ne dependas dua komplemento de la sama verbo. Tial estas ankaŭ la frazo, nova heliĝo ebligis lin vidi, absolute ne riproĉinda (vidu Zamenhof: „Subtenu nin, forto, ne lasu nin fali, sed lasu nin venki la baron“). Mi konsentas, ke la amplekso de la romano povus esti malpli granda kaj kelka ĉapitro pli konciza, — tiun pri la mortigo de Lamulo mi eĉ preferus tute ne skribita, — sed la aserton, ke la agantaj personoj de la romano estas nur idoj de la fantazio kaj ne prenitaj el la reala vivo, mi konsideras ne pruvita, ja eĉ ne pruvebla, ĉar la vivo superas ĉirilate la plej fantazian poeton, same kiel la naturo la plej grandan artiston. Do Berta kaj Jozef estas miaopinie tute bone imageblaj karaktertipoj, spite de la pli ol suspektinda medio, en kiu ili vivis. Ankaŭ el marĉa fundo kreskas belegaj floroj!

Se mi nun ankoraŭ rimarkigas, ke nia aŭtoro estas ekstreme konscienca fundamentano, kiu, evitante ĉiun neologismon, tamen majstras la lingvon belstile kaj kun admirinda lerteco, mi finis mian recenzon pri ĉi tiu bonega verko, kiun mi varme rekomendas al la samideanaro.

Franz Zwach.

**Aliaj:**

**Inte Ĉaĉe.** Esperanto, gramatiko kaj krestomatio. Eldono de l' aŭtoro, Riga, Pili ist. 4. Pasta kaste 844. Prezo 2·70 latoj.

80 paĝa lernlibro por latvoj. Verketo laŭdinda pro la bona metodo aplikita, akurateco kaj amo dediĉitaj de l' aŭtoro al lia tasko, pro la senerara stilo de l' ekzercoj kaj legaĵoj. Rekomendinda kiel modelo eĉ al alinacianoj verkontaj lernolibron. D-ro Blaas.

**La granda piramido,** 8 pĝ. folio kun 6 bildoj Morton Edgar, Glasgow, senpaga (vidu la anoncon!).

Laŭ propraj esploroj en Egiptujo la aŭtoro prezentas strangan simbolecon en la aranĝo, konstruloko kaj mezuroj de Granda Piramido. Ke li konkludas el siaj trovaĵoj pri kontraŭscienceco de la metra sistemo, internacia jam, favore al la angla mezursistemo, estas iom stranga.

Krome tre interesa interrilatigo al la profetaĵoj de Biblio. W. Smital-Wien.

Originala **Esperanta Legolibreto.** Pensoj kaj Rakontoj de Henny Widström. Propra eldono, Lidingö 1, Svedujo.

Efektive, pli pensoj ol rakontoj ili estas, ĉi tiuj 19 ĉarmaj skizetoj kaj meditaĵoj diverstemaj, kiuj spiras certan, populare pedagogian filozofion. Korekta lingvo kaj bela, facile komprenebla stilo distingas la ĉiurilate rekomendindan libreton; plaĉa aspekto, oportuna formato, bona papero kaj tre klara preso pliigas ĝian valoron. Franz Zwach.

**„Libera Urbo Danzig,** Ŝtatjura pozicio kaj ekonomia signifo de l' Libera Urbo Danzig“, eld. Danziger Verlags-Ges., Danzig. La 80 pĝ. libreto, bonege tradukita de R. Kreuz, kun belaj bildoj kaj plano certe interesos multajn.

## Rekomendindaj firmoj.

**Korneuburg.**

Bäckerei = bakejo:
Karl Luegmayer (E), Albrechtstraße 3.
Gemischtwaren = Diversaĵoj:
Alois Cisař, Bisambergstr. 21.

## Kie oni renkontas E.-istojn?

**Graz.**

Esp.-Verein für Steiermark, Geschäftsstelle (oficejo) Radetzkystr. 6/III, Vereinsheim (kunv.) „Pastete", Sporg. 28, Do (ĵ)20—23 h.

**Innsbruck.**

Arbeiter-Esp.-Klub (Laborista klubo), Südtiroler Platz, Hotel Sonne, Do (ĵ) 20—22 h.
Esperanto-Klub, Gasthof „Grüner Baum", Museumstraße, Mi (me) 20—22 h.

**Wien.**

Katolika Unuiĝo Esperantista en Wien, I., Freyung 6 (Pfarrkanzlei), Mi (me) 17—19 h.
I. Wiener Esp.-Verein, I., Schellinggasse 7, Schellinghof, Fr. (v) 19·30 h.
Aŭstria Pacifista Esp.-Societo, III., Henslergasse 3, Hochparterre; Fr (v), 19—21 h.
Esp.-Verein der städt. Angestellten Wiens, IV., Schäffergasse 3, ĉiutage 17—19 h.
„Konkordo", IV., Margaretenstr. 33 (Kaffee Aŭstria) Do (ĵ) 20 h.
Viena Akademia Unuiĝo Esp., VII., Neubaugasse 25, Café Elsahof, Mo (l) 19—22 h.
Esp.-societo, „Danubio", VII., Neubaugasse 25, Café Elsahof, Mo (l) 19—23 h.
Esp.-Bildungsverein „Supren", VII., Kaiserstraße 121, Café, Fr (v) 18—21 h.
Esp.-societo „Fideleco", Währinger Bürgercafé, XVIII., Staudg. 1, Di (m) 16—19 h.
Bohema Klubo Esperantista, XV., Turnerg. 9, I. et., Narodni dum, Mi (me) 20 h.



Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Hugo Steiner, Bisamberg 248.
Presejo: Gesellschafts-Buchdruckerei Brüder Hollinek, Wien III, Steingasse 25.